XXXIII-a Jaro — N-ro 435 — 25 Januaro 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# La nuna situacio de nia movado

**Stato je la fino 1936 - Necesaj konkludoj - Simpligo de la internacia organizo**
**Restarigo de UEA - Universala Kongreso - Rigardo al estonto**

### Stato je la fino 1936

1936 estas « nigra jaro » por nia movado, kies aspekto fidele respegulas la ceteran mondon. Gravaj batoj de principeca karaktero falis sur ĝin. La malpermeso de esp. organizaĵoj en Germanlando — praktike ĝi estas malpermeso de la lingvo — estas okazajo proprincipa. La nuna reĝimo en Germanujo agis nur logike, sekvante sian programon ekstermi ĉion, kio eĉ de malproksime similas al iu « internacio ». Kaj inter la verda stelo senkulpa de la esperantistoj, kaj la ruĝa stelo de certa politika movado, ja ne ekzistas ŝajne diferenco por la regantoj tie.

Alia bato de principa karaktero estis la disiĝo inter-esperantista. Sekve de senintriga, tute formala interveno de konsciaj membroj, la Prezidinto kaj kelkaj komitatanoj, anstataŭ reboniĝi siajn procedojn, forlasis la ŝipon kaj fondis novan organizajon. Fakte la Londona Ligo *ne* estas io nova en si mem. Ĝi estas pli malpli kopiajo de estintaj formoj, al kiuj oni alflikis karakterizajn trajtojn de UEA ! La rapida deklaro *UEA mortis* pruvas okulvideble, kiom supraĵe la estinta komitato (ni diru : tiuj Komitatanoj, kiuj decidis) pritraktis ĉion.

La fakto estas, ke ekzistas hodiaŭ *du* organizaĵoj : la malnova UEA, malfortigita sed tamen laborkapabla, kaj la nova ligo, kiu nature imitas la tro rapide forlasitan UEA, tamen ne povante akapari ĝian gloran tradicion.

Ambaŭ batoj influas ĉion. Naiva estas la ebla kredo, ke manko de Germanujo ne gravas ! Jam en plej proksimaj aranĝoj sentiĝas la foresto de seriozaj kaj disciplinemaj kunbatalintoj germanaj. Por la geografia karto de Esperanto granda blanka terpeco etendiĝas de la bordoj de la Rejno ĝis la polaj ebenaĵoj. Vera dezerto por ni Esperantistoj.

La ŝanĝo en UEA povas esti paŝo al resaniĝo. Ni konsciiĝu, ke la kunigo de la nacia elemento kun la nete internacia *ne* sukcesis. La pruvo plej elokventa estas la katastrofa perdo de aktivaj membroj en 1935 kaj 1936. Ja eĉ la nombro de la simplaj membroj (po 50 centimoj !) malkreskis !

Sed la kaliko ne estas malplena ! Amara guto por ĉiu pensanta samideano estas la civila milito hispana. Kiel ajn finiĝos tiu-ĉi buĉado, nia movado tie estas sufokita. La bela laboro de la katalunoj, tipa modelo, pere de nia lingvo diskonigi kaj evidentigi al pli vasta mondo ekziston de gento memkonscia, estas haltigata por longa tempo, se ne ekstermita. Preskaŭ ironio estis la apero de ŝlosilo de Esperanto en baska lingvo, jus antaŭ la konflagracio. La hispanaj esperantistoj havos grandan penon restarigi tion, kio ekzistis. Kaj por fini kun la Iberia duon-insulo, venis la malpermeso de esp. organizaĵoj en Portugalo. Ĉu la blankaĵo sur la geografia karto de Esperantujo etendiĝu ankaŭ en la sudo ?

Jen bilanco malĝojiga ! Post tiuj faktoj, la mankoj en la propra agado, nacia kaj internacia ŝajnas sensignifaj. Ni metu vualon de forgeso sur 1936 kaj ni serĉu valorigi plej bone la faritajn spertojn.

### Necesaj konkludoj

Kian konkludon ni faru pri ĉio ? Unue ni konsciiĝu ke la eksperimento de Kolonjo-Stokholmo komplete malsukcesis. El la 34 naciaj societoj partoprenis al la nova UEA 12-14 (laŭ Kolonja Interkonsento) per subskribo. Sed inter la subskribo — eĉ plej solena, kun tamburo — (Interkonsento de Kolonjo) kaj la plenumo de promeso — varbi kiom eble plej multe da aktivaj membroj al la nova UEA — estas grandega diferenco. En certa senco oni povas tion ja kompreni ! La Naciaj Societoj *ne* havas vivan intereson « grasigi » la internacian organizajon. Neniu el tiuj societoj, depost Kolonjo nomataj « Landaj Asocioj », plendas pro troeco de materio, de membroj kaj de mono. Alie kaj krude dirite : « La ĉemizo estas pli proksima ol la jako ». Ĉu necesas pruvi la supran aserton ? Nu ni ripetu : En ĉiu lando malsupreniris la stato de la aktiva membraro de UEA post Stokholmo. Sufiĉas !

El tiu-ĉi negativa konstato ni venu al pozitiva. Laŭjure la nuna UEA povas labori. La foriro de la Naciaj Societoj *ne* detruis ĝian bazon, ĝi nur simpligis ĝin. Atentinde estas io, kion ŝajne neniu el la eksiĝintaj komitatanoj rimarkis, nome : ke la statuto de 1934 enhavas ĉiujn elementojn de la *malnova UEA*. Sekve, se unu proced-maniero ne estas uzata, tiam validas la alia. Kaj en tiu-ĉi okazo estas la malnova sistemo simpla : sekve.

*Neniu aligo de membroj flanke de Naciaj Societoj : Senpera membreco.*

*Loka Delegito : Distrikta ĉefdelegito : Internacia Komitato, elektata de la Delegitoj.*

*Rekta servado sen ĉirkaŭvojo tra naciaj oficejoj.*

*Amikaj rilatoj kun ĉiuj ceteraj organizaĵoj, per interkonsentoj.*

Al tiuj bonaj principoj ni aldonu spertojn faritajn inter 1932-1936. Kunigante la teorion kun la praktiko — klara jura bazo kaj senpera partopreno de la membroj — ni firmigu la tuton per fidela sekvado al Zamenhofa sinteno :

*Toleremo kaj larĝanimeco.*

### Simpligo organiza

Ja ŝajnas esti ironiaĵo, paroli en nuna tempo pri simpligo. El la multaj promesoj faritaj en Stokholmo 1934, kio do estis atingita ? Ni ne intencas tie-ĉi fari tion, kion aliaj kutimis — insulti — sed objektive konstati faktojn. La kongreso en Stokholmo, ekstere brile sukcesinta, ne havis eĉ plej posteulojn. Romo kaj Vieno signis malsupreniron plej videblan de la kongresoj, laŭ ĉiuj vidpunktoj.
Ĉu ni daŭrigu la liston ?
Ne utilas !
Ĉu ni riproĉu la komitaton, multe promesintan sed malmulte plenumintan ?
Ne indas !
Ĉu ni imitu ĝin, same promesante la neeblon kaj kalkulante je la forgesemo de la homoj ?
Ne, ne kaj ree ne !

Kion ni akcelas, estas simpligo realisma de nia agado. Jen tiu de la naciaj societoj — plejparte propaganda-instrua kun necesaj servoj — jen internacia servaro al efektivaj esperantistoj, subtenantaj la praktikan agadon, kreitan en Ĝenevo —. Ambaŭ formoj povas ekzisti, ambaŭ havas vastan kampon de agado kaj ambaŭ respondas al la realeco.

Pri klopodoj de komuna intereso, oni trovos interkonsenton, lasante al ĉiu sian karakteron kaj specialecon.

La simpligo de la organizo etendiĝu unue al la kotizoj. La ĥimera postulo — unika kotizo — kies efektivigo devis rezulti el la Kolonja Interkonsento, senglore fiaskis. Ni kontraŭmetas la postulon je ĝenerala senindulga malaltigo de prezoj, kotizoj kaj tiel plu. Adapti la movadon al la mizeriĝinta mondo, jen la formulo.

La nuna gvidantaro de UEA, plene konscia pri sia tasko, jam sekvis tiun-ĉi devigon kaj adaptis la kotizojn en la plimulto de la landaj al nuna nivelo. Kaj ĝi klopodis jam en alia direkto *servi* al la membraro de UEA ironte novajn vojojn.

### Restarigo de UEA

Ne temas pri « turni la radon malantaŭen » !, kiel emfaze sin esprimis konata jurnalisto. Ankaŭ ne temas pri centprocenta reveno al pasintaj aferoj. La restarigo de UEA pro la eksiĝo de la Komitato, estas en manoj de la membroj. Post kelkaj monatoj la Provizora Komitato submetos proponon al la membraro pri la ĉefaj punktoj formalaj. Dumtempe ĝi sekvas la linion de agado jam skizitan, respektante statuton kaj tradicion.

Tri taskoj sin prezentas :

Kunigi la disiĝintan membraron kaj delegitaron.

Koncentrigi la diversajn klopodojn internaciajn, nuntempe taŭgajn.

Konstrui la vojon por estonta agado.

Pri unu tre grava detalo de la internacia agado de UEA la Provizora Komitato jam faris atentindan paŝon antaŭen. Temas pri la

### Universala Kongreso

1937 estas la jaro jubilea. Kvindek jaroj de nia historio pasis ! Kaj Varsovio, eliro de Esperanto, gastigos la esperantistaron. Ke ne ripetiĝu 1914 estas ja ĉies deziro.

Jubilea estas tiu-ĉi Kongreso ! Ĉu do en Varsovio ni, la pacaj batalantoj, donu bildon de « civila » aŭ « frata » milito ? Ĉu ni malhonoru la memoron de la kreinto de nia lingvo ripozanta tie en pola tero sang-saturita de bataloj intergentaj, tiom sufeigintaj nian Majstron ? Aŭ ĉu vi deziras ke *Varsovio* fariĝu « vera pilgrimloko », instiga al plej promesoj por pli profunda penetriĝo en la ideon nin movanta ? Ĉu ni vere batalu tie per akraj vortoj pri plej bona formo de nia kunvivado ? Forgesante ke ne temas ja pri formo, sed pri enhavo ! Ĉu ni ignoru la forton misteran, kiu puŝis D-ron Zamenhof sekvi fortan vokon de interna ideo kaj plenumi — tion, kion diktis al li koro kaj konscio ?

Jen demandoj gravaj ! Kaj por reveni sur teron, ni rimarku, ke la bravaj Varsovianoj staras antaŭ tasko superhoma. Ne dezirante malobei la esperantistan konstitucion, kies defendon partoprenis polaj samideanoj, la LKK en Varsovio ankaŭ ne deziras pliprofundigi abismon. La Provizora Komitato de UEA, zorge pesante la — Por kaj Kontraŭ — interkonsentis kun la Loka Kongresa Komitato en Varsovio, por ke tiu-ĉi povu labori. Neniu subpremo de rajtigitaj postuloj, neniu malrespekto al ekzistantaj leĝoj. Sed : Kunveno esperantista sub sankta simbolo de la stelo, kaj forigo de disputoj, kvereloj kaj malpacoj. Unuvorte :

Jubilea Kongreso en Spirito Zamenhofa.

La teksto de la Interkonsento aperos poste. Jen klara kaj rekta vojo al estonta interpaciĝo !

### Rigardo al estonto

Meze de la nuna turmento, ni Esperantistoj, fidelaj al la ideoj de la Majstro, havas honoran taskon :

*Konservi nian idealon tra la transformiĝo tutmonda.*

*Persisti en la kredo al la boneco de la afero, kaj*

*Resti fidelaj al nia tradicio.*

Kaj ĝis reveno de pli ordaj kondiĉoj, ĉiuj klopodu kunteni tion, kion kreis antaŭuloj, oferante tempon kaj monon. Certe la estonto funde diferenciĝos. Sed estas tutcerte, ke ree ekfloros vigla movado kaj ke la skeptika mondo akceptos kun pli da kompreno niajn proponojn. Kaj por prepari pli bonan estonton, ni mem Esperantistoj ĉiutendencaj, serĉu realigi unue pacan kunvivadon inter ni mem.

Kaj nun :

Antaŭen kun kredo kaj fervoro !

---

Dimanĉon 11a de januaro okazis en Moulins (Allier) la Kongreso de la Federacio de Centra Montaro.

Je la deka, komencis la oficiala kunsido kiun prezidis, S-ro Camille Planche deputito, ĉirkaŭate de S-roj Genermont, Prezidanto de Turisma unuiĝo, Meunier, lerneja inspektoro kaj S-roj Chagnoux, Gonon, Meyzonnade, Courtinat, sekretarioj de esperantistaj grupoj.

D-ro Fruictier estis reelektata kiel prezidanto de la Federacio kaj Delegito al S.F.P.E.

La Federacio decidis aliĝi al S.F.P.E. por 1937, sed ne al I.E.L. ; *ĝi restas fidela al UEA.*

La proksima kongreso de l'federacio okazos en Montluçon, je la 6a de junio 1937.

---

**Universala Esperanto-Asocio**

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# Kiel pensas kaj sentas la samideanoj pri UEA ?

## LA VOĈO DE L'POPOLO

*Sub tiu ĉi titolo « kiel pensas kaj sentas la samideanoj pri UEA » ni intencas ekstrakte doni impresan el cento da korespondaĵoj ricevitaj. Ni ne intencas polemiki sed konigi la voĉon de l'popolo. Jen artikolo jam aperinta aliloke kiel komencon. En venonta numero sekvas aro da opinioj pri UEA kaj nuna situacio.*

(Red).

### Ni estu prudentaj

ne estas la ĝusta demando : Kiu pravas ? sed : Kio utilas al la movado ?

Jen estas vortoj de IEL per la plumo de T. J. en n-o 11 (906) de Heroldo de Esperanto.

Jes ! Ni por unu sekundo stariĝu sur tiun ĉi platformon. Ni supozu por unu momento ke ĉesas ekzisti ĉiuj aliaj demandoj, kaj ke ne nur gravas, sed eĉ vivrajtas en la nuna tempo la sola kaj unika demando : KIO UTILAS AL NIA MOVADO ?

Persone mi ne povus fanfaroni pri aparteno al tiuj grandanimuloj, kiuj scipovas anĝele devigi sin al forgeso pri tio, kiu kulpas, aŭ eĉ, kiu pravas. Mi persone ne malŝatas tiun demandon : kiu pravas ?

Sed lasu ĉiu siajn personajn ecojn flanke. Ni dediĉu ĉion, ĉiegon por la bono de Esperanto, kaj — laŭ la vortoj de T. J. en Heroldo — pristudu nur unu solan temon : KIO UTILAS AL NIA MOVADO ?

Jes ! Bone ! Perfekte ! Ni ĈIUJ (senescepte : ĉiuj !) en la nuna momento gravuru en niaj koroj la unununuran devizon : « La intereso de la Esperanto-movado »

Kaj plue sekvas plej saĝaj vortoj de T. J. : « *Kio utilas al la movado*? Ĉu utilas al ĝi konstanta disputado, kverelado, skismo, — aŭ ĉu utilas al ĝi harmonia kunlaborado, energia agado en unueco kaj konkordo ? Ni pensas ke la respondo estas simpla kaj ununura ».

Jes ! Respondoj ĉi tie ne povas esti multaj. Nur unu !

Sed...

Kia ?

S-ro T. J. vokas :

« Ni estu prudentaj ! Ni fine estu prudentaj ! » Ja sanktaj vortoj ! Tro serioza estas la momento ke ni povu al ni permesi je facilanima malŝato al la prudento. Prudenteco estas nun la plej urĝa kondiĉo. Conditio sine qua non.

Sed estas ja ankaŭ konate ke ĉiu prudentulo povas iam erari, fari iam malprudentaĵon. Fari *iam* ! Unu fojon !... Sed *ripetadi* erarojn — estas jam eco de *malprudentuloj*.

Kiel do, kialogike, kia *prudente* S-o T. J. alvokas ke ni sankciigu « decidojn *kune kun la faritaj eraroj* » ?...

Ne, plej ŝatata Heroldo, sankciigi *erarojn* neniu havas devon. Oni povus iafoje *forgesi* ies erarojn, sed neniam aprobi, sankciigi, neniam daŭrigi.

Kaj,

ke eraroj estas faritaj — neniu ja dubas. Eĉ ne Heroldo de Esperanto.

Ni permesu al ni iomete jeti rigardon malantaŭen, en nian historion. Mallonga estas nia historio, sed tamen ne sensperta...

Kaj kion ĝi al ni vidigas ?

Estis iam organo de la tutmonda individua samideanaro. Ĝi komencis sian ekziston modeste, sed iom post iom kreskadis, disvolviĝis, ĝis venis eĉ al tempoj de florado. UEA fariĝis plej grava institucio en la tuta historio kaj movado de Esperanto.

Bedaŭrinde (eĉ prudentuloj rajtas foje erari !) okazis eraro : al la malgranda korpo de UEA oni alkroĉis neproporcie pezegan KR-on, kun ICK.

Kaj la kunigita organo ne eltenis. Ĝi... disfalis.

Ĉu ni nun ree daŭrigu la saman eraron ? Ĉu ni imitu *malprudentulojn* ?

Tiel agante — avertas mem T. J. — oni « ŝarĝas sur sin grandan kulpon ». Jes, sinjoroj el IEL, atentu viajn proprajn vortojn kaj havu vi ankaŭ la devon esti prudentaj ! Ne ripetu plu la jam faritajn erarojn !

Ĉar alie — « tio estas grandega *krimo*, neniam rebonigebla, pri kiu vi, karaj gesamideanoj, ne povos respondumi antaŭ via propra konscienco nek antaŭ tiu de la homaro ».

« *Ni fine estu prudentaj* ! » Ĉiuj ! Ankaŭ vi !

« Temas pri la intereso de nia movado ».

« Ne demandu : kiu pravas ? nek ankaŭ : ĉu UEA aŭ IEL ? Ambaŭ demandoj estas vanaj ».

Kaj plue legu :

« *Kio utilas al nia movado* ? Metu al vi tiun demandon, kaj estu prudentaj ». Jes ! Ankaŭ vi sinjoroj, strebantaj al la mortigo de UEA ne forgesu pri ĉi sanktaj vortoj : ESTU PRUDENTAJ !

Ĉu ankoraŭ nun, — post tiom kruelaj vivospertoj — la obstina rutino (ne la prudento) estos via stimulo ?

Ekkonsciu fine la maldolĉan veron, ke UNU ORGANIZAĴO ENTENANTA *du* KUNIGITAJN ORGANIZAĴOJN (individuan kaj societan) *ne estos vivokapabla*. Ĝi ne eltenos — ne vivos ! ! La sperto jam montris sufiĉe tiun sendubaĵon... Ne tiru do la Esperantistaron refoje en malfeliĉon, kaj ne « ŝarĝu sur vin grandan kulpon ».

*Lasu vivi la UEA*-on (en ĝia iama formo) !

UEA ja ne kontraŭbatalas IEL-on. IEL ankaŭ ekzistu (kiel organizaĵo de societoj, simile al la iama K.R.), sed ĝi ne postulu la morton de UEA.

Tro grava, tro kara estas por ni la ekzistado de UEA ke ni povu rezigni pri ĝi.

Kaj — *ni ne rezignos*. Neniam!

Ni — malnovaj, fidelaj veteranoj de UEA — alvokas al ĉiuj veraj kaj prudentaj Esperantistoj : subtenu UEA ! Ne lasu ĝin perei ! ! !

*Mobilizacion de ĉiuj fideluloj* — ni deklaras.

Fideluloj, anoncu vin !

Kaj ankaŭ vi — por momento (ni kredu) — farintaj « grandiozan eraron » (se la germanaj ŝtatestroj povis — laŭ la vortoj de HDE — fari grandiozan eraron, do povas ankaŭ malpli grandaj homoj) — revenu !

Revenu kaj helpu ke « ni faru finon », ke ni povu nin preni « EK AL *Ĝojiga* LABORO »

FIDELULOJ, ANONCU VIN!

Edvardo WIESENFELD, L.K.

Varsovio, 25-XII-36.

---

## 29-a Universala Kongreso de Esperanto

### La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

**Oficiala komuniko 4**

*Adreso de LKK.* — Warszawa II, str. Chmielna 26 m. 8. Tel. 278-55 kaj 278-08. Pola Poŝtĉekkonto : 29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warsazwa N-o 23.445.

Telegramadreso de la kasisto : Lublipres, Warszawa.

La Prezidanto de Pola Respubliko prof. d-ro Ignacy Moscicki akceptis la Altan Patronadon de la 29-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto.

La Honoran Komitaton eniras ĉiuj ministroj, Prezidanto de l'ĉefurbo kaj aliaj altranguloj.

*Kotizoj.*

Bonvolu noti precize ia kotizojn :

I. Kongresa kotizo angl. ŝil. 35.—
II. Kotizo por familiano ŝil.22.—
III. Kotizo por gejunuloj ĝis 18 jaroj ŝil. 14.—
IV. Kotizo por Helpkongresanoj (grupoj, institucioj, firmaoj, kiuj deziras montri sian simpation al la kongreso por helpi ties sukceson kaj por ricevi kongresdokumentojn, sed ne sendas reprezentanton) — angl. ŝil. 14.—

*Favorkotizoj por frupagantoj.*

Ĝis 15 de februaro 1937 (rabato 30 %).
I. Kotizo, angl. ŝilingoj 24. pencoj 6
II. Kotizo, angl. ŝilingoj 15. pencoj 6
III. Kotizo, angl. ŝilingoj 10.
Ĝis 30 de aprilo 1937 (rabato 20 %).
I. Kotizo, angl. ŝilingoj 28.—
II. Kotizo, angl. ŝilingoj 17. pencoj 6
III. Kotizo, angl. ŝilingoj 11.—
Ĝis 30 de junio 1937 (rabato 10 %).
I. Kotizo, angl. ŝilingoj 31. pencoj 6
II. Kotizo, angl. ŝilingoj 20.—
III. Kotizo, angl. ŝilingoj 12. pencoj 6
(1 angla ŝilingo egalvaloras 11.I. 1937 zl. 1.30).

*Rimarko:* grupoj kaj societoj, pagintaj kotizon I, rajtas sendi sian reprezentanton.

*Transsendo de la mono* al LKK okazu per poŝtmandato, poŝtĉeko aŭ poŝtĝiro je la Pola Poŝtĉekkonto : 29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warszawa N-o 23.445, sed nur el landoj, kiuj havas liberajn kompens-traktatojn kun Polujo.

El Britujo kaj kolonioj oni pagu al Brita Esperanto-Asocio, London W. C. I., 142 High Holborn.

El Svisujo pagu nur al Banque Nationale Suisse en Zürich,k onto « Dettes Polonaises » S-té Zahan, por LKK.

El Argentino kaj Palestino — al Pola Banko : Polska Kasa Opieki.

El Italujo — al Pola Poŝtŝparkaso Roma 1/10110.

El Hungarujo — al la kasisto de Hungarlanda Esperanto-Federacio S-ro Augusztiny Oszkár, Budapest I, Attila-utca 47.

El aliaj landoj oni povas uzi ankaŭ poŝtĉekkontojn de la kasisto Stefan Lubliner, W.I.P., Warszawa :

Aŭstrio : Wien D 115973 ; Belgujo : Bruxelles 222461 ; Ĉeĥoslovakujo : Praha 501385 ; Danujo : Kobenhavn 24902 ; Francujo : Paris 110097 ; Germanujo: Berlin 156660 ; Jugoslavujo : Beograd 65044 ; Japanujo : Tokio 32594 ; Latvujo : Riga 3838 ; Libera Urbo Danzig : 1542 ; Luksemburgo : Luxembourg 4593 ; Nederlando : Den Haag 145532 ; Svedujo : Stockholm 4375.

*Sekcioj.* — Jam funkcias sekvantaj sekcioj :

*Propaganda kaj Gazetara.* — Gvidanto : red. Adam Uziemblo. La Sekcio komencis energian agadon en pola kaj eksterlanda gazetaroj.

*Turisma kaj Loĝeja.* — Gvidanto : direktoro en Kabineto de Trafikministro s-ro Bronislaw Wyszynski.

Ĉiujn turistajn aferojn preparas sub la gvido de la prezidanto de LKK Wyszynski — Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo. La Trafikministerio aperigos baldaŭ 12 esperantajn broŝurojn pri diversaj polaj urboj kaj regionoj. Organizata estas komuna pilgrimo al naskiĝurbo de nia Majstro, Bialystok, kaj 5 postkongresaj ekskursoj :

*a)* Varsovio — Poznan — Biskupin (antikvaj elfosaĵoj) — Katowice (karbominejoj) — Wisla (Okcidenta Beskido-montaro).

*b)* Varsovio — Bialowieza (mondfama sovaĝa arbarego) — Vilno — Augustow (pitoreskaj lagoj).

*c)* Varsovio — Gdynia (la plej granda kaj moderna haveno ĉe Balta Maro) — duoninsulo Hel.

*d)* Varsovio — Kraków — Wieliczka (famaj salminejoj) — Zakopane (Tatra montaro).

*e)* Varsovio —. Lwów (vizitado de famaj naftterenoj) — Worochta (Orientaj Karpatoj).

*Rimarko:* ĉiu ekskurso finiĝas en pitoreska somerrestadejo.

*Loĝejoj.* — La prezoj estas jenaj :

Hoteloj luksaj : de ŝil. angl. 8 penc. 6 po persono ;

Hoteloj I-rangaj : de ŝil angl. 7 penc. 6 po persono ;

Hoteloj II-rangaj : de ŝil. angl. 5 penc. 6 po persono.

Turistaj, privataj kaj komunaj lokoj po persono de angl. ŝil. 11 penc. 6 ĝis ŝil. angl. 4 (depende de kvartalo kaj kvalito de ĉambro).

(Fino de l'teksto de cirk. 4. en venonta numero.)

## Oficiala Informilo de UEA : N-ro 3

**1937 Januaro 29-a Jaro**

*Kunsido de l'Prov. Komitato.*

okazis je la 9-10a de Jan. en la Centra Oficejo de UEA. Pri la decidoj faritaj aperos informoj sinsekve.

*Dumvivaj, Honoraj Membroj de UEA.*

La DM kaj la HM de UEA nature konservis siajn rajtojn. UEA ja ne dissolviĝis. La transkribo al nova organizaĵo do ne havas sencon nek valoron. Dum tiu ĉi tagoj la DM kaj la HM ricevas la kutiman banderolon por 1937 plie la premion, kies sendon oni interrompis en 1935 kaj 1936.

*Kotizoj bulgaraj.*

La favorkotizoj bulgaraj estas de nun fiksitaj: M : 80 ; MA : 200 ; MS : 400 Levoj bulgaraj.

### Ĉefdelegitoj

Ĝis reelekto de nova ĉefdelegito en Hungarlando, oni povas pagi kotizojn al Literatura Mondo (Bleier Vilmos) Budapest IX, Soroksári 38-40: poŝtĉek konto de Bleier Vilmos, Budapest 25.168 en Rumanujo al F-ino Eugenia Morariu, sekr. teritoria de UEA, Str. Bravilor 15, Cluj.

Estas nomata kiel provizora ĉefdelegito por Jugoslavio

Sinjoro Radomir Klajič, D de UEA en Beograd, Svetosavska 23.

La membroj kaj Delegitoj en la supre nomitaj landoj volu pagi senescepte al la indikitaj personoj.

### Abono al ESPERANTO

Respondante al diversaj demandoj pri abonado de *Esperanto* sen membreco, la Prov. Komitato de UEA decidis fiksi favorajn prezojn por aboni la gazeton *Esperanto* por jenaj landoj :

*Aŭstrio:* 7.50 ŝil. ; *Belgujo:* 30 bfr. ; *Britujo:* 7 sh. ; *Danlando:* 6.50 kr. ; *Francujo:* 30 fr. fr. ; *Nederlando:* 4 Guld. ; *Norvegujo:* 6.50 kr. ; *Svedlando:* 6.50 kr. Ĉeĥoslovakio: 40 Kč.

La abonoj valoras de Januaro ĝis Decembro 1937. Aperintaj numeroj estas postsendataj. Premiojn por frupago rajtas ricevi nur la personoj kiuj aliĝis kiel membroj (M, MA, kaj MS) al UEA.

**Abonoj el Germanujo:**

De nun « Esperanto » estas abonebla ĉe germanaj poŝtoficejoj. Abonprezo por tuta jaro 6.- por duonjaro 3.- Rmk.

### Respondkupona Servo

La Provizora Komitato de UEA esploris tiun ĉi servon kaj informas :

Kontraŭe al la diroj de l'eksiĝinta prezidanto de UEA, ekzistas la rimedoj por reakcepti la respondkuponojn de UEA ankoraŭ cirkulantajn. Ĉia kontraŭa diro ne konformas al la fakto.

La tria serio de la respondkuponoj de 1932-35 devis reveni al la Centra Oficejo antaŭ la 31a de Decembro 1935. Necesis, ke la tiama Direktoro do informu en *Esperanto* pri tio. tri monatojn antaŭe. Kiel tion oni faris kutime ĝis 1934. Kontraŭe, sen decido de la komitato, la tiama Direktoro informis, ke la respondkuponoj kun limdato 31 Decembro 1935 validas plian jaron, de gis 31 Dec. 1936.

Por doni al ĉiu samideano okazon valorigi respondkuponojn kun surpreso — 31 Decembro 1935 — la Provizora Komitato de UEA decidis, plilongigi la daton de reakcepto ĝis la 30a de Junio 1937. La respondkuponoj estas reakceptataj por afranko, kotizoj kaj mendoj kaj por ĉiuj ceteraj pagoj al Centra Oficejo de UEA.

La Respondkuponoj formas parton de la Servaro de UEA kaj estas statute fiksitaj, Art. 67, do ili ne estas kontraŭleĝaj kiel iuj erare diskonigis, forgesante ke tiuj kuponoj cirkuladis kontentige dum dek jaroj.

Post reakcepto de ĉiuj kuponoj, la nova Komitato decidos pri la daŭrigo de tiu ĉi servo.

Provizora Komitato

K. M. LINIHER, *prezidanto.* Renaud RICHEZ, *vicprezidanto.*

**Svislando en la neĝo**

estas broŝuro eldonita de la Svisa Turisma Centro en Zürich. Senpage ricevebia de Svisa Esperanto Instituto, Bern, aŭ de la Turisma Servo de UEA, Genève.

# MONDA SPEGULO

### Malpermesitaj societoj

Al la ŝanĝo de l'reĝimo en Germanujo, 1933, sekvis tuj la forigo de aro da movadoj, kiel ekzemple la Pacifisma, la Framasona. Kiu apartenis al framasona loĝio antaŭ la 30a de Januaro 1933 ne povas esti ŝtata oficisto en Germanujo. Kaj se tia persono jam estas ŝtatoficisto, li ne povas altiĝi plu en la grado. Aperis listo de ĉiuj malpermesitaj organizaĵoj. Dekunu grandloĝioj kaj aliaj formaĵoj de la framasonoj estas citataj, ĝi indikas 35 pliajn unuiĝojn kun parte framasona karaktero. Inter ili ankaŭ kalkuliĝas la Antropozofia Societo, la teozofiaj societoj kaj la Mazdaznan-movado.

### Per submarboato al Norda Poluso

Sir Hubert Wilkins, kiu jam en 1931 provis atingi la Nordan Poluson per submara boato, provos denove per sama rimedo proksiman julion aŭ en julio 1938, se en nuna jaro la kondiĉoj ne estos favoraj.

Li intencas atingi la Bering-Maron trans la Norda Poluso, forirante el Spitsberg (Svalbard). La ekspedicio devus daŭri du monatojn kaj ĝia kosto estas 25.000 funtoj sterlingaj. La submar-boato estas konstruita por povi resti kvin tagojn sub la akvo.

### Makadamizado

Oni starigas monumentojn al gloraj venkintoj aŭ al personoj pri kies dumtera agado oni povus havi alian ideon ol la iniciatintoj de la monumento. Teknikaj progresoj, malpli brue ekspluataŭaj ne havas la dankeman rekonon de la homoj, eĉ se ili tion meritus altgrade. Jen bonidea Urba Konsilantaro en la skota urbo Ayr, naskiĝloko de l'inĝeniero John Loudon MacAdam, memoras la datrevenon de la naskiĝo de tiu ĉi viro, eltrovinto de la tekniko de moderna stratkovrado, kiu portas sian nomon.

### Donaco de poeto

Axel Munthe, aŭtoro de la verko « Romano de San Michele » (tradukita en ĉiuj kulturlingvoj, ankaŭ en Esperanto), donacis al hospitalo Capolupo sur Capri, al la nova asilo de malriĉuloj en Anacapri kaj al la malriĉuloj de la insulo Capri po 100.000 liroj. Plie li fiksis, ke la enspezoj por vizito de sia muzeo, estu uzata por la bezonoj de la insulanoj.

### Duko de Windsor

Duko de Windsor kaj S-ino Simpson... kia trovitaĵo por romanverkistoj kaj filmistoj ! Efektive jam aperis libro pri S-ino Simpson en franca lingvo kaj jen granda filmentrepreno en Hollywood proponis al la duko kaj al S-ino Simpson ne malpli ol unu milionon da dolaroj, se ili akceptus partopreni en filmo kun titolo « La rajto je l'amo » Smartness, ĉu ne ?

### Kulturo ?

Ke en Germanujo la verkoj de judaj aŭtoroj ne plu estas toleritaj, nu, tion oni ja komprenas. Sed la izoliĝo materia kaj spirita de tiu ĉi lando akcentiĝas pli kaj pli. Oni povis legi en germana gazeto «Westdeutscher Beobachter », ĉefa organo de la reganta partio, ke la verkoj de Sigrid Undset devos malaperi el ĉiuj librejoj... ĉar tiu ĉi verkistino atentigis pri la danĝero de la rasaj teorio kaj praktiko en Germanlando, en libro lasttempe aperinta en Lucerno.

### Honorigo al Greta Garbo

La sveda reĝo distingis la faman filmaktorinon Greta Garbo per la medalo « *Litteris et Artibus* ». Inter la portantoj de tiu ĉi medalo, donita al personoj kiuj distingiĝis pro scienco kaj arto estas ankaŭ Selma Lagerlöf kaj, en pasinto, Jenny Lind, la « norda najtingalo ».

### Eksterlandaj gazetoj

En Latvio aperis novaj decidoj de la registaro, tuŝantaj la enporton de eksterlandaj periodaĵoj. Por la enporto, revendo kaj disvastigo necesas speciala rajtigo de la Justeca Ministerio, ĉiam por venonta kvaronjaro. Firmoj kaj privatuloj ne posedantaj ĉi tiun rajtigon ne plu ricevas alvenontajn periodaĵojn.

### Memoraĵo al Nansen

En Norvegujo oni klopodas starigi Lernejon je memoro de Nansen, la eminenta polus-esploristo kaj homarano. Tiu ĉi lernejo kun karaktero de humanisma akademio estos ligata kun institucio de norda kulturo kaj ambaŭ devos labori en la spirito de la granda bonfarinto kies nomon ĝi portos.

### Triumfo de l' Tekniko

La Nacia Departemento de l'Kafo (Brazilo) informas, ke ĝi nun disponas pri speciala instalaĵo por detrui superfluan kafon ,per kiu ĉiutage povos esti detruataj 100.000 sakojn da kafo.

### Brita poŝto

Oni atentas multe pri la rapida transsendo de poŝtaĵoj en Britujo. La vagonaroj de la fervojo estas klasataj tiel : 1. Horaro ne ŝanĝebla sen konsento de la Poŝta administracio.

2. La Fervoja administracio libere disponas, sed devas akcepti poŝtsendaĵojn.

3. Poŝtvagonaroj, kiuj nur transportas poŝtaĵojn.

Tiaj vagonaroj, kiuj senescepte transportas nur poŝtaĵojn, ekzistas kvar inter Londono kaj Penzance, Londono kaj Aberdeen. La skota vagonaro poŝta traveturas 843 km en 12-16 horoj, kio ne estas superata de alia poŝtvagonaro en aliaj landoj. Tiu ĉi vagonaro estas speciale aranĝita por jeti de sur la vagonaro poŝtaĵojn aŭ jeti tiajn sur ĝin, ne haltigante la veturon.

### Venengaso... kiom amuza

*Hazarde flugis sur nian tablon, virina gazeto germana « Die Frau am Werk » (t.e. La virino ĉe laborado »), en kiu troviĝis meditiga artikolo, el kiu sufiĉas ekstrakto. Temas pri raporto el kurso pri aerprotektado.*

« Kaj tiam venis la gasmasko persone ! Rapide surmetu ĝin ! Kaj tiam ni iĝis vivecaj, tiam venis pulsanta vivo inter la pacemaj aŭskultantoj, kaj ni tiam komencis ridi pri la kara proksimulo ! Sed el nia rido baldaŭ iĝis ploro ! Kun la gasmasko en la protektejon, kaj tie oni ricevis gustprovon de larmogaso. Kun gasmaskoj, kaj kun gaja kantado « Migrado estas ja plezur' », ni marŝis tra la protektejo, sur kiun oni povus skribi la vortojn « Eniras multe da paciencaj ŝafoj en unu stalon».

... Nia kursestro kombinis nian spiritan nutraĵon laŭ bongusta recepto : multe da humoro, konstanta ĝentileco, helpemo kaj pacienco kun nia malkompreno. Kion do oni nefaris ? Kun gasmaskoj tra pacaj stratoj kaj tiam ni kantis « Tri lilioj ». Kiel do la enloĝantoj ĝojis pri ni — tuta kompanio da porkbuŝegaj diabloj, kiuj kantis aĉe.

... Kaj ree en nia salono, kie ni devis grimpi sur tabloj sub tabloj kaj tra malhela koridoro. Ĉu ne, kia amuzaĵo ?

---

### Usona sprito
#### pri virinoj.

Studo de logiko dum varma tago : la kruroj sen ŝtrumpoj, ĉirkaŭ la kolo peltaĵon.

***

Dum debato inter aninoj de supera lernejo knabina kaj anoj de supera knaba lernejo, venkis la knabinoj... kvazaŭ ili jam estus edziniĝintaj.

***

Optimisto estas viro, kiu montras al amatino la uzon de revolvero.

***

En pasinto la virinoj legis modjurnalojn por vidi kion surmeti — hodiaŭ por vidi kion demeti.

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

II.

*(sekvo)*

La landojn trakuradis migrantoj, kaj okazadis invadoj el ekstero. Unuflankefluis kaj defluis dialektoj sur ŝajne senmovaj triboj, — aliflanke, migris kaj svarmis homgrupoj sub kvazaŭ senmovaj lingvoj.

Granda geologia ŝanĝo estis fatala por la Blanka raso : la nordoceana golfo, kiu izoligis grandparte Eŭropon de Azio, forsekiĝas, malfermas larĝajn pordojn por Azianoj. La restoj de tiu golfo ankoraŭ nun ekzistas en la baseno de Obi kaj en Kaspio. Tro-loĝata Azio ŝprucas grandegajn migradojn. Ili ne estis subitaj, rajde kurantaj militinvadoj, kiel imagas historistoj, sed jarcente malrapidaj, iompost-iomaj koloniadoj, des pli potencaj kaj daŭraj. Vasta kojno da popoloj aziaj distranĉas la blankulojn : norda fragmento foriras al Skandio, la okcidenta al Atlantiko, la suda al Alpoj, Balkano, Kaŭkazo kaj Irano. Pacemuloj, molkaraktera), restas hejme : Baltoslavoj. La elmigrintoj miksiĝas survoje, perdas parton da hindeŭropa heredaĵo, kaj formas novajn naciojn : skandinavojn, keltojn, latinojn, hellenojn, skitojn, persojn, hindojn. En postaj jarcentoj okazas pluaj translokiĝoj, denovaj miksadoj, reaj invadoj. Hodiaŭ sur slava prahejmo sidas hungaroj, orient-rusoj sur la ugra prahejmo, sud-francoj sur la ligura, orient-germanoj sur la baltoslava, kaj hindoj sur la dravida. Gotoj lasis postesignojn en Krimeo, vandaloj en Andaluzio, soraboj en Prusujo, keltoj en Serbio, skandinavoj en Mezmaro.

Triobla kaŭzo preparis en multlingva Eŭropo la internacie uzatan vortotrezoron, kiu jam per sia ekzistado sugestis la ideon krei helplingvon.

Unua kaŭzo estis en la origina parenceco : en 135 hindeŭropaj dialektoj kaj lingvoj ekzistas miloj da similaj vortoj. Ekzemple « patro » : latina-hellena *pater*, oska *patir*, sanskrita *pitar*, persa *peder*, rusa *batja*, gota *fadar*, altgermana *fater* (Vater), k.a., aŭ « ĝardeno » : hellena *hortos*, latina *hortus*, albana *garth*, angla *garden*, franca *jardin*, litova *fardis*, prusa *sardis*, anglosaksa *geard*, gota *gards*, slava *gradina*, friga *gordum*, limuzena *gorso*, rusa *gorod*, ktp.

Dua kaŭzo estis influo de la hindeŭropa lingvaro al alilingvaj najbaroj. Tial troviĝas en la hungara : *kakas* (koko), *bab* (fabo), *iga* (jugo), *galamb* (kolombo), *nem* (ne), *pár* (paro), *répa* (rapo), ... en la finna : *hakala* (haki), *kanava* (kanalo), *liina* (lino), *meri* (maro), *pari* (paro), *sama* (sama), *siemen* (semo), ... en la estona : *rikas* (riĉa), *seeme* (semo), *viin* (vino), *polt* (bolto), ... en la osman-turka : *birâder* (frato), *orfan* (orfo), *ergat* (laboristo), *bastun* (bastono), *avoqat* (advokato), *ispirito* (alkoholo), ... en la japana : *pan* (pano), *pen* (plumo), *furanku* (franko), k.a.

Tria kaŭzo estis la tutmonda trafiko, kiu alportis egiptajn, hebreajn, arabajn, meksikajn k.a. vortojn al la hindeŭropa familio : — *akacio, elefanto, karto, kemio, piramido, mumio*... estas egiptaj ; — *amen, aspido, jako, jubileo, pasko, sabato*... hebreaj ; — *abrikoto, admiralo, algebro, alkoholo, almanako, cifero, divano, dogano, fakiro, gudro, jupo, kafo, karafo, kotono, magazeno, matraco, siropo, sukero, tamburo, taso, tarifo, vato, zenito*... arabaj ; — *haremo, hordo, kaviaro, kazako, lakeo, tulipo, turbano*... turkaj ; — *alpako, apaĉo, ĉokolado, hamako, kakao, kakto, maizo, mateo, patato, petunio, tabako, tomato, uragano*... amerikanaj ; — *banano, gorilo*... negraj ; — *bambuo, kakatuo, makao, orangutano*... malajaj, ktp.

La hellena civilizacio, daŭrigita poste per la romana, lasis al ni la bazon de la scienca kaj teknika vortaro (kies specimenoj estas : *geografio, geometrio, geologio, astrologio, astronomio, hipodromo, aerodromo, aeroplano, hidroplano, hidropatio, telepatio, teleskopo, mikroskopo, telegrafo, telefono, fonografo* ktp.).

Ankoraŭ pli vasta estis tiu influo sub la kaŝita formo, ĉe popoloj kiuj ne ŝatis fremdajn lingvojn, sed toleris ilian imiton per la propraj radikoj. Aŭ pro nekonscia laŭvorta traduko de nelertaj tradukistoj, aŭ pro konscia adoptado de hellenolatinaj modeloj, ĉiakaze nunaj literaturaj lingvoj de Eŭropo posedas pluan gradon de simileco.

Ekzemple, la rusa *nadziratelj*, serba *nadzornik*, germana *Aufseher*, angla *overseer*, franca *inspecteur*, latina *inspector*... estas fabrikitaj laŭ la hellena modelo *episkopos* (epi = sur, skop = vid). Same, la hellena *peristasis* naskis : *circumstantia, circonstance, Umstand, obstojatelstvo, okolnost*. — *Antikeimenon : objectum, objet, Gegenstand, predmet*. — *Epirroe : influentia, influence, Einfluss, vlijanie, uticaj*. — *Galaxias : via lactea, voie lactée, milky way, Milchstrasse, mlečnyj putj, tejŭt*. — *Hydrohoos : aquarius, water-carrier, verseau, Wassermann, vodolej, vizonto*.

Simila influo penetris ankaŭ en sintakson de ĉiuj naciaj lingvoj de Eŭropo.

***

Dufaca jam komence, la Blanka Raso do dispeciĝis, kaj la moderna historio ĝin trovas jam kiel komplikan mozaikon da cent lingvoj, dialektoj, religioj, ŝtatoj, klasoj. Sed el ĉiuj partoj de la multekolora Eŭropo nur du prezentis maksimuman gradon de lingva miksaĵo : *Macedonio* kaj iama *Granda Litovujo*. Oni ne povis tamen dubi, kiu el ambaŭ estos honorita de la granda mondlingva misio. Je la fino de la 19-a jarcento estis inter ili profunda diferenco. Macedonio apartenis al Turka Imperio, kaj estis bolata per senĉesaj perfortoj. En tiu nature riĉa kaj historie glora lando regis teruro. Miloj da macedonianoj elmigris al najbaraj landoj, kie ili povis pace labori. Multe pli trankvila estis la dua multlingva lando, kie ĉiu pacemulo povis trovi favorajn kondiĉojn por siaj studoj, kie estis je lia dispono tri kulturaj lokaj lingvoj : germana, pola, rusa, kun ilia riĉaj literaturoj kaj bibliotekoj, altlernejoj kaj tradicioj. Tio ja estis lulilo de Kopernik kaj Kant, kun antikva kulto de internacia latino.

*(Daŭrigo sekvos)*

# LITERATURO

## Provo pensi ĝisfine

PAUL RUMMO

Antaŭ la longa verŝtablego de star-drinkejo sidas du viroj. Dikulo kaj maldikulo. La rondan vizaĝon de la unua glitlumigadas ĉion-pardonanta ridetado, la frunton de la alia profundaj sulkoj tordas, kvazaŭ sur li kuŝus la zorgoŝarĝo de la tuta mondo. Ili vidas kaj malrapide sorbas el mallarĝaj glasoj konjakon. Ili interŝanĝas parolojn iam-tiam; verdire tion faras nur la malgrasulo — per voĉo laca, iom gala, dum la dikulo kelkvorte inter-rezonas, kiam li bontrovas por momento deturni la okulojn de la fraŭlineto malantaŭ la longa tablego.

— Kompreneble sen esploro, se oni prenas ĉion sur ĉe la pinto, ĉio ŝajnas esti kvazaŭ relative en ordo, — elgratas la malgrasa el sia radbruligilo fajron sur cigaredon kaj medite rigardas en la flamon, kiu disvastigas benzinodoraĉon. Pormomentoli daŭrigas rezigne: — Oni devas penetri la enhavon, provi ĝispensi la finon, tiam oni vidos...

La dikulo fiŝkaptas el sia teglaso citrontranĉajon per kulero kun monogramo de la drinklokalo, suĉas la kaptajon per siaj diketaj puflipoj.

— Ĝispensi... Kio estas fino? Sed se fino eĉ ne ekzistas?

— Iu fino devas esti — kaj la manĝujoj sur la tablego ektintas pro senpacienca pugnofrapo de la malgrasulo. — Estu ĝi eĉ... frenezo!

La dika jetas trankviligan rigardon al la ektimigita vendistino kaj diras al sia kompaniano mallaŭte: — Kial tiom malproksimen? Ni limigu nin per normaleco.

— Normaleco, imitehas la alia, moke blovante fumnubojn supren, — kie do estas la tielnomita « normaleco »? Ĉirkaŭrigardu eĉ nur unu solan fojon primedite! Hodiaŭ sur la strato mi vidas: ĉevalaĉo trenas gigantan ŝarĝon sur la krutan Antonmonton. Tiras, tiraĉas. La veturilisto instigas la beston, saltetas ĉirkaŭe kaj krias. Svingas vipon. Alpaŝas malgraseta sinjoro, kun verda kruco sur la brusto. — Ne turmentu la bedaŭrindan beston, — li tondras al la veturilisto. — Ne estas zorgo de kamparanaĉo, kiel urbano kun bovino kondutas, — la veturilisto obstinema svingas kontraŭ li la vipon. — Mi estas prezidanto de bestprotekta societo, — per fingro almontras la sinjoro sian verdan krucon, — mi igos la policon aresti vin —. Kaj li venigas gardpolicanon, oni faras protokolon pri la veturilisto.

La dikulo elektas por si de la tablego taŭgan buŝoplenon kaj sin turnas al la gala amiko. — Nu tiam la afero estis en ordo, se tiel okazis, ne devas oni ja turmenti malfeliĉan beston. Ankaŭ besto sentas doloron.

— Kompreneble ĝi sentas! Sed ĉu homo ne sentas? Aŭskultu plu. Mi vidas — la sinjoro-bestprotektisto iras al konstruata domo. Oni konstruas al li pluretaĝan palacon. Laboristoj svarmas ĉirkaŭe kiel formikoj. Iu laborulo, kun vere densa barbokresko, iras supren laŭ la knarantaj ŝtuparoj — ĝiba kaj kurba sub alta brikportajo. Subite li faletas, falas surbrusten, la ŝtonŝarĝo premas la ĝemantan viron kontraŭ la akran stablorandon. — Diablo kaj infero, insultkrias la sinjoro-bestprotektisto, nu ĉu necesa estis tiu ĉi labormalhelpo!

— Tute prave, ke diablo kaj infero! — la dikulo verŝigas novan konjakon en sian glason, — kiu ordonis al la maljunulo avidi al si tian grandan portajon!

— Kiu ordonis? Sed se oni nepre devis fini la akordlaboron! Sinjoro-bestprotektisto kolere albuŝigis, ke oni forigu la viron en malsanulejon, tian labormalhelpiston, ke li ne pagos eĉ nur cendon por la flego, ĉar la akcidenton kaŭzis la propra senzorgeco de la viro.

— Tute mia opinio. Kiu ordonis maljunulon veni al tiom streĉa laboro, se la genuoj tremaĉas ĉe portado de kelkaj brikoj!?

La malgrasulo malespere frotadas per la pugnoj la frunton.

— Ĉu laboro estis por li elektebla!? Eble li hejme havas infanojn, amason da infanoj, malsatantaj, atendantaj manĝon!...

— Nu ĉu li bezonis havigi ilin al si, se li nutri ne kapablas!

— Ha, miras la malgrasa kun larĝe malfermitaj okuloj, — sed por kio do oni propagandas la pligrandigon de la popolnombro? Tiu verdkruca sinjorego kaj liaspeculoj scipovas vivi sen infanoj, aŭ ekstremokaze kun unu aŭ du sentaŭgaj idoj!

La dikulo gratas post la oreloj.

— Nu-jes-nu...

— Nu-jes-nu, mokripetas la malgresulo ironie, — provu ĝispensi, penu doni iun solvon!

— Kion, ĝis la fino, — la dikulo estas en embaraso. Sed tiam li direktas la konversacion alien: — Do vi estas trea kontraŭulo de bestprotektismo, ĉar parolas tiele?

— Ne vere! Kontraŭ bestprotektismo mi neniel estas! Sed se tiu sinjoro antaŭe ĉirkaŭ la ĉevalaĉo, lamentante tiel ekscitite, klopodegis kaj poste pro akcidento de homo, kvankam *nur* laboristo, eksentis nur tiom da zorgo, kiom tio malhelpis la laboron, mi... mi pensis, ke prefere pereu kaj malekzistu ĉiaj bestprotektsocietoj, ĝis kiam estos aranĝita ia, almenaŭ minimuma, *hom*-protektado.

— Estu saĝa! La homo estas ja prudenta estulo, havas racion en la kapo, kia protekto necesas!?

— Prudentulo... Mi legis antaŭ nelonge en iu amerika gazeto, ke tie estis detruitaj tritikamasoj miltunaj per bruligo, por eviti malaltiĝon de la tritikprezoj. Kaj la, el senlaboruloj dungitaj, laboristoj, ŝovelintaj la grenon, oran, ĉion-savantan grenon, en la fajron, oni-dire mem estis svenontaj de malsato, ĉar ilia salajrmono ne ebligis eĉ nur iom kontentigan nutradon. Diru nun, ĉu tio ne estas frenezajo, diru, ĉu oni povas ĉi tie paroli pri prudenteco de homoj?!

— Nu-jes... Vere tio ne estas tute bela. Sed ĝi estas fatala. Kiel agu, ekzemple, iu eŭropa kamparano, se el Ameriko komencus alflui tia terure malmultekosta tritikolavango? Nenio restos — fermu la butikon kaj plugon plu ne tuŝu! Kaj se tiun tritikon oni disdonus inter tiuj senlaboruloj, tiam... estus multe malplimulte da homoj, kiuj aĉetas grenon je *normala* prezo. Kaj oni eĉ por unu cendo ne havus profiton de tio! La vivo jam estas tiom komplika...

La malgrasa batas per ambaŭ pugnoj kontraŭ sian frunton.

— Prenu diablo tiun frenezulejan komplikecon! Vidu jen, mi eltranĉis el malnova gazeto « Eĥo » artikolon « Ĉu tio estas kulturo? » Legu ĉi tie: En Aŭstralio oni mortigis 800.000 ŝafojn kaj enterigis ilin... En Meksiklando oni helpe de soldatoj neniigis grandegajn provizojn da bananoj... En Brazilio estis ĵetitaj en la maron 70.000 sakoj de kafo... Ĉe la Ĉeĥoslovakia limo oni jetis pro alta doganpago tunojn da kukumoj en la Danubon... Germana grenkomerco-unuiĝo, por stabiligi la panprezojn, estas foriginta de la merkato grandegajn amasojn da sekalo, vendante ĝin ruĝe kolorigita al porkbredistoj. — Kaj tiel plu. Sed! Laŭ informoj de sociala oficejo de la Ligo de Nacioj dum 1934 en la mondo mortis pro malsato unu kaj duono da miliono da homoj, kaj...

La dikulo sindefende streĉas ambaŭ manojn kaj timeme ĉirkaŭrigardas.

— Sufiĉas, sufiĉas, remetu en la poŝon tiun paperaĉon! Ĉi tie ne estas loko por politika agitkunveno, — en solida lokalo. Pro kio do lamentas vi, kiu havas sub la nazo konjakglason? Ja *vi* ne sukcesos varmhejti la mondon.

La okuloj de la malgrasulo brilas febre. Li verŝas unu glason da forta drinkaĵo post alia en la gorĝon kaj restas, tremante pro interna ekscito, duone kaŭranta ĉe la tablego, apogante sur ĝin la kubutojn kun la manoj, krampe premantaj la kapon. En apuda ĉambro la orkestro komencas bruan dancmuzikon. La dika plenŝtopas la buŝon je rozkolora salmviando kaj balancas sin, ŝmaĉante, laŭ la muzikritmo.

Post ioma tempo la malgrasa rekomencas, reakirinte sinregon:

— Aŭ pensu eĉ pri la militaferoj... Oni sendas memorandumojn, notojn, postulas humanan militon! Ĉu vi aŭdas: *humanan militon*! Ĉu iam ajn sub la suno oni estas kreinta alian simile idiotan vortbastardon, kiel tiuj du vortoj apude? Ĉu oni mortigas per pafilokuglo, frakasante kapon per bastonego aŭ per disjeto de venengasoj, — devus esti samegale!

— Nun vi, frateto, estas vin memparolkaptinta, — he-heas la dikulo kun malica ĝojo. — Vi aktoradis kiel granda patrono de malriĉuloj kaj malfeliĉuloj, sed subite evidentiĝis peranto de perforta militarismo.

— Stultajo! Mi estas kontraŭulo de ĉia milito, tio estas ĉio. Tamen, se oni jam porkecas, oni ne faru ĉe tio belajn vortojn kaj ĉastajn mienojn! Ankaŭ ĉi tie oni ĝispensu. Kio estas la celo de atakanta grandŝtato? Pereigi la atakaton, ĉu ne?! Se jam komencita estas buĉado, kial do, diablo, ankoraŭ sentimenti dume! Estas abomene, vere dolĉaĉe-naŭze, kiam la dupiedaj rabobestoj de la dudeka jarcento farsas kun siaj kontraktoj kaj sankcioj, kiujn neniu plenumas, kun siaj memorandumoj, kiujn neniu atentas, kaj belaj rakontoj pravigantaj ilian militon, kiujn neniu kredas. Aŭ ĉu ne estas tio pli freneza ol enterigo de normala prudento, ke la diplomatoj de la plej evoluintaj ŝtatoj de Eŭropo, atentu: Eu-ro-o-po, samtempe disflugigas devizon: « Ni ne havas lokon sub la suno! Je dio, oni donu al ni spacon, kien ni povu direkti la superfluajn masojn de nia popolo! », sed en la sama momento: « Multiĝu, diablo vin prenu, — pli rapide multobliĝu kaj nasku infanojn, kostu ĝi, kiom ĝi kostas! »

La dika dum tiu torenta parolado, kapskuante, foriĝis, direktante sin al la telefonŝranko. La malgrasa ne rimarkas tion, sed daŭrigas kvazaŭ en febro:

— Oni diras, ke estas honto por la tuta civilizita mondo la bombardado de la instituĉioj de la Ruĝa Kruco. Ĉu tio estas ankoraŭ ia hontindaĵo apud ĉio jam farita?! Mi pensas, ke al ili oni devas atribui la honoron, ke ili en sia porkecado agas logike kaj ne faras pian vizaĝon ĉe maldeca laboro. Ne, vere, pripensu: jen mi, en furioza kolero, estas malŝparinta kontraŭ mia malamiko kuglon kaj ĝi vundis lin ne mortante, kial, ho diablo, lasas mi la Ruĝan Krucon sanigi tiun vundon, por ke mia ĉasobjekto, savite, povu reveni por mortigi min. Ne, fulmo kaj tondro, ni disŝiru ankaŭ la Ĝenevan Konvencion, ni deŝiru ĉiujn maskojn de falsaj pozoj kaj belaj vortoj, ni mortigu kaj frakasu tiam — tiom longe, kion la fortoj permesas. Tiam estos do klara bildo...

Oni frapas sur la ŝultron de la parolanto. Malantaŭ li, staras policano kaj la dikulo.

— Anarĥiisto? Al la politikpolicejo? La dikulo nee skuas la kapon.

— Ebriulo? En arestejon?

Nova nea kapskuo, kaj la dikulo frapas per fingro la frunton.

La policano kap-jesas ekkomprene, forkondukas kun si la malgrasulon. Ili sidiĝas en aŭto. Ĝi trakuras la urbocentron kaj direktas sin poste al antaŭurbo. La malgrasulo vidas tra la aŭtofenestro silueton de preterveturista hipodromo. Tiam la aŭtomobilo ekhaltas.

— Provu fari el tiu ĉi viro prudentan homon, — diras la policano al kuracisto en blanka kitelo, alpaŝanta la aŭtomobilon.

El la estona revuo « Tänapaer » (« Nuntempo ») libere tradukis: HILLAR SAHK.

## Kant kaj la ne-enmiksiĝo

*En la traktato* Al eterna paco (1795) *en la kvina artikolo de l'unua ĉapitro skribis Immanuel Kant:*

*« Neniu ŝtato sin enmiksu perforte en la konstitucion kaj regadon en alia ŝtato. »*

Ĉar kio donus al ĝi rajton por tio? Eble la skandalo, kiun montras malbonorda ŝtato al anoj de najbara ŝtato? Pli bone la dua ŝtato taksu la skandalon kiel avertilon, konsiderante la malbonaĵojn, kiuj turmentas popolon pro ĝia senleĝeco. Eĉ malbona ekzemplo, montrata de memstara persono al alia, ne povas esti (estante *scandalum acceptum*) lezo al tiu alia. Escepto en tio estus, se iu ŝtato pro interna disduiĝo disiĝis laŭ du partoj, kies ĉiu reprezentas propran ŝtaton, pretendante la rajton pri la tuto; se tiaokaze iu ŝtato helpas al unu el la du, tiam oni ne rajtas tion nomi enmikso en la konstitucion de alia (ĉar tiam ja regas anarkio). Sed dum la tempo, en kiu la interna konflikto ne estas solvita, tia enmikso de ekstera ŝtato estus lezo de l'rajtoj de popolo, baraktanta pro la interna malsano, tamen tute sendependa. Tia enmikso do estus mem skandalo, kiu endanĝerigos la aŭtonomion de ĉiuj ŝtatoj.

Tre aktuala, ĉu ne?

## Sprita Shaw

Eldonisto vidis Shaw enpensiĝinta kaj atakis lin per la vortoj, « Dolaron por via penso, Majstro! » « Tiom ĝi ne valoras », respondis Shaw. « Vere »? « Je kio do vi pensis? » demandis scivoleme la eldonisto. « Je vi », respondis seke Shaw.

Juna studento venis al Shaw kaj informis lin, ke li forlasis medicinstudon por fariĝi verkisto kaj por meriti je la homaro. « Pro tio vi ne bezonas fariĝi verkisto », opiniis Shaw. « Kial », demandis la studento. « Vi jam iĝis meritplena por la homaro », respondis Shaw, « per tio, ke vi forlasis la studon de medicino ».

Shaw, estante juna kritikisto estis invitita ĉe familio. Kiam li aperis, la filino de la familio ludis pianon. « Mi aŭdis », « sin turnis la ludantino al la vizitanto, ke vi amas muzikon ». « Vere », respondis Shaw, « sed tio ne gravas, daŭrigu nur la ludon ».

Dum festo Shaw dancis kun sinjorino. Dum la danco la sinjorino komplimentis la poeton: « Estas ĝentile de vi, ke vi Majstro, tutmondfama viro, dancas kun tute nekonata virino ». « Kial do ne », respondis Shaw, ni ja estas ĉe Bonfara festo ».

## Pensoj

de JOSEPH JOUBERT

Libroj kaj gazetoj estas pli danĝeraj en Francujo ol alilande, ĉar tie ĉiu emus esti sprita. Tiuj, kiuj ne havas, supozas ĝin do ĉe la aŭtoroj, kiujn ili legas kaj tuj parolas kaj pensas kiel ĉi-tiuj.

⁂

Preskaŭ ĉion, kion ni nun konsideras kiel danĝeran ĉe niaj politikaj institucioj, iam estis bonfara sanigilo.

⁂

Ĉiu laŭleĝa aŭtoritateco amu sian povon kaj ties limon.

⁂

Lampo kaj suno ne heligas la saman veron.

⁂

Turnu vin al la junuloj: ili scias ĉion!

⁂

La antikvuloj havis en si malpli da moviĝemo, sed multe pli da digno ol ni. Pro tio la modereco en iliaj paroladoj kaj la memcerteco de ilia gusto.

Fondinto: H. Hodler, † 1920

Redakcio: Tour de l'Ile, Genève,
Red.: Provizora Komitato de U E A

Presis: Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)
Dato: 22 Januaro 1937